# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

13-a jaro (Numero 5) 1934
Tutjara abono: 2.50 nederlandaj guldenoj (inkluzive aneco de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj)

Oficiala Organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

Redaktoro: E. J. BOLTJES. Engelsche laan 30. Winschoten ((Nederlando)
Administranto: P. KORTE. Schoolstraat 13. Veendam (Nederl.) Poŝtĉekk.: 90544
Prezidanto de TAGE: G. W. ROOME. 21. Glenalmond Rd Sheffield (Anglujo)
Sekretario de TAGE: W. H. MOOK. Nassauplein 15a. Groningen (Nederlando)
2-a Sekretario: K. H. SPORTEL. Nieuw-Scheemda (Gr). (Nederlando)

## Raporto pri TAGE-kunveno dum la 26-a kongreso esperanta en Stockholm la 10-an de aŭgusto 1934

Kiam ni geinstruistoj kunvenis en la dua ĉambro parlamenteja dum la stockholma kongreso ĉeestis ĉirkaŭ 200 kolegoj. Nia kunveno estis la plej granda faka kunveno dum la tuta kongreso.

Instruisto Einar Dahl, Uddevalla, Svedujo prezidis. Post vigla salutparolado li laŭtlegis salutleteron de l' TAGE-estraro kaj substrekis ke TAGE devas esti faka asocio neŭtrala al religiaj kaj politikaj demandoj.

S:ro Dahl poste raportis pri Sveda Federacio de Esperantistaj Instruistoj, kiu federacie aliĝis al TAGE kaj proponis la saman aranĝon al nealiĝintoj. Tiamaniere nia faka gazeto kaj asocio estus bone helpata.

Sur la programo staris du paroladoj. S:ro Dahl parolis pri la temo: Kiel oni gvidas daŭrigajn kursojn en esperanto. La preleginto en sveda lingvo verkis libron pri la sama temo. Bonega helplibro, kiu laŭ mia opinio devus esti tradukita esperanten. Li donis multajn bonegajn konsilojn. Vigla moderna esperantogrupo devas havi almenaŭ 4 studrondojn. La unua por komencantoj laŭ direkta aŭ ĉemetodo. La dua por esperantigi la novajn adeptojn, do daŭriga kurso. La tria devas esti konversacia grupo kaj la kvara estu legorondo en kiu la membroj komune legas kaj studas historion esperantan kaj la literaturon. — Bonega parolado, kiu devas esti tute enpresita en nia I. P. R. Aplaŭdoaplaŭdado.

Instruisto Henry Ysner, Hällevik Svedujo faris la duan paroladon. Lia temo estis: La sveda slojdo. S:ro Ysner parolis pri Otto Salomon, la granda apostolo de la sveda slojdo kaj pri la sveda slojd-seminario en Näs, kiu ja estas preskaŭ internacia seminario. Li poste donis bone-

gan bildon de sia temo. Lia parolado ankaŭ devas esti publikigata en I. P. R. La aŭskultantaro aplaŭdis kaj la prezidanto dankis.

Eksurbestro Carl Lindhagen proponis, ke la instruista kunveno akceptu rezolucion por esperanta instruado en la lernejoj. La rezolucio estis unuanime akceptata.

Poste sekvis diskuto pri la temo: Kiel akiri la instruistaron por nia movado. Partoprenis Dahl Svedujo, Arnessen Norvegujo, Lesch Germanujo kaj kelkaj aliaj. »Aranĝu kursojn en instruist-seminarioj kaj specialajn kursojn por geinstruistoj,« proponis s:ro Dahl.

Fine la prezidanto ree propagandis TAGE-n kaj I. P. R.-n. Specimenaj numeroj de I. P. R. estis disdonataj, kaj nia interesa faka kunveno estis finita.

*Fritiof Ahnfeldt*, Sekretario.

---

# *De la administranto*

1. Mi pritraktas en la nunaj tagoj la sekcian aliĝon de la danaj gekolegoj, kun S-ro Peter Frey, kaj de la jugoslavaj kun S-ro Peter Golobiĉ. Esperu ni, ke tiuj planoj efektiviĝos.

2. Pri la legaĵo por infanoj, menciita en la 3-a numero de IPR., mi ricevis nenian malaprobon, sed ankaŭ ne multajn sugestojn. Mi atendos ankoraŭ kelkajn tagojn, sed intencas komenci la aperadon pere de la sekvanta numero. Intertempe mi tre petas sendi al mi taŭgajn artikolojn por tiu rubriko; pri la enhavo permesu al mi jenajn rimarkojn:

a) temoj: interesaj kaj facile kompreneblaj por junuloj inter 12 kaj kaj 16 jaroj, ne pritraktante politikajn aŭ religiajn dogmojn.

b) lingvo kaj stilo: facilaj, evitante, tiel multe kiel eble, la longajn verbo-formojn kaj neologismojn.

c) amplekso. Ne pli longa ol kvar presitaj paĝoj, laŭ formato de I. P. R.

d) manuskripto. Tre bone legebla skribo. sed prefere maŝinskribo.

3. La tradukanto por la unua numero de la anoncita Pedagogia Biblioteko, komencis sian laboron: »El la vivo de la nederlanda pedagogo: Jan Ligthart.«

4. kelkaj gekolegoj ĝis nun ne pagis sian kotizon por 1934. Precipe mi petas la anojn en Norvegujo, Finnlando kaj Bulgarujo, ke ili baldaŭ ordigu tiun maltaŭgan staton. Ankaŭ en Jugoslavujo estas kelkaj, kiuj ne pagas kaj ne respondas mian admonon. Bv. kompreni ke tio multe malfaciligas nian laboron, kiu krome en la nunaj tagoj estas sufiĉe implika. Al tiuj anoj, kiuj ne pagos antaŭ la 1-a de decembro, mi ne plu ekspedos la revuon. Ili do ne plendu, kiam ili ne ricevas n-on 6-an. La abonantojn en Ĉeĥoslovakujo, mi atentigas pri la adreso de nia nova agento. Bv. tuj pagi vian ŝuldon al li. Ankaŭ multaj francaj gekolegoj ankoraŭ ne pagis pere de nia agento S-ro Vérot. Mi tre, treege petas vin, faru tuj.

5. Ĉu ĉiuj niaj agentoj jam pripensis la aranĝadon de la varbado por la venonta jaro? Jam nun estas urĝa tempo por ti o!! Mi volonte estas je via dispono, kiam vi bezonos ian informon aŭ helpon. Propagandu per alvoko en la naciaj fakorganoj kaj la esperanto-revuoj. Kolektu la adresojn de varbendaj gekolegoj, por ke ni povu sendi al ili varbilojn. Formu landajn sekciojn, kies estraro povos gvidi la enlandan propogandon por la enkonduko de Esp. en la lernejon, por forta internacia organizo de esp-geinstruistoj.

# Informoj el Belgujo

*Lernejvojaĝoj.* Depost kelkaj jaroj oni sentis en Belgujo fortan deziron organizi ekskursojn kaj vojaĝojn por gelernantoj de diversaj lernejoj. Kelkaj mezlernejoj jam antaŭe okazigis ekskursojn unu- aŭ kelktagajn, ĉu en la ĉirkaŭaĵo de la urbo, ĉu al la marbordo aŭ en la pentrindaj regionoj de la Ardenoj. Nuntempe la lernejvojaĝoj estas konsiderataj kiel veraj studvojaĝoj kaj en certaj instruejoj oni eĉ havas programon por la diversaj studjaroj, tiel ke la gelernantoj dum 3- aŭ 6-jara kurso estas vizitintaj la plej gravajn regionojn de la regno.

La nacia oficejo de la turismo starigis specialan unuiĝon (sub kontrolo de la instru-ministerio), kiu prizorgas nuntempe la lernejvojaĝojn en la regno, kaj kiu krome sin okupas pri ĉiuj ekskursoj, ankaŭ de malgrandaj grupoj al la eksterlando. Ĉi tiu oficejo ankaŭ prizorgas la akcepton kaj gvidadon de fremdaj grupoj en Belgujo. Ne subvenciate de la registaro ĝi akiras la bezonajn monrimedojn pere de aldono al la sentara prezo de la vojaĝo. Ĉe la fino de la jaro la eventuala profito estas dividata proporcie inter la lernejoj, kiuj partoprenis la diversajn vojaĝojn. Ĉi tiu mono servas kiel stipendio por meritplenaj kaj malriĉaj lernantoj.

Dank' al ĉi tiu unuiĝo belgaj lernant-grupoj vizitis Nederlandon, Anglujon, Svisujon, Luksemburgon kaj Francujon.

Fremdaj grupoj vizitis kaj estis gvidataj tra Belgujo.

Pere de tiuj vojaĝoj la lernantoj havas multajn utilojn. La ekskursoj ja estas praktikaj kursoj pri geografio kaj biologio; pri historio kaj arto; konversacio en fremdaj lingvoj. Ili plibonigas la interkonsenton inter la gelernantoj kaj instruistoj. Ili donas la konvinkon, kiel oni povas ĝui vojaĝante sen elspezi multan monon, kaj kiel oni povas utiligi dum vojaĝo sian tempon. Kaj precipe ili donas la okazon por pli bona komprenado de fremdaj popoloj, kion oni en ĉi tiu tempo ne taksu tro malgrava.

Aliaj rimedoj, ne malpli gravaj kaj kiuj plifaciligas la lernejvojaĝojn estas:

a. transloĝiĝo dum unu semajno de gelernantoj el porinstruista lernejo en saman lernejon situanta en alia urbo, por viziti la rimarkindaĵojn de la regiono,

b. la akceptado de lernejoj, kiuj estas vizitantaj urbon, de deputacio el instruistoj kaj lernantoj apartenantaj al lernejo samgrada.

*Radiovagonaroj.* La nacia fervojasocio aranĝis en interkonsento kun la Ministerio de Publika Instruado radio-vagonarojn. Rilatas precipe ĉi tie al vagono ŝanĝita en *radiostudion*, kiu enhavas la tutan elektran instalaĵon por la elsendo en la aron da vagonoj kaj por elsendo de gramofondiskoj.

La aro da vagonoj estas speciale fabrikita por uzado de lernejoj. Gi konsistas el duaklasaj vagonoj, kunligitaj per koridoro. Ĉiu vagono

enhavas sidlokojn kaj centran koridoron. La instruisto sidas sur ia malgranda altaĵo por povi vidi la tutan vagonon. Sufiĉa nombro de paroliloj ebligas al la lernantoj klare aŭdi la klarigojn kaj la elsendatan muzikon. En la radio-vagonaro ankaŭ estas bufedo, kie la junaj vojaĝantoj povas akiri malvarmajn manĝaĵojn kaj trinkaĵojn. Krome ekzistas servo, kiu povas helpi malsanetajn lernantojn.

Dudeko da vojaĝprojektoj tra la plej pentrindaj kaj plej interesaj regionoj estas prilaboritaj de la Nacia Belga Fervojasocio. Krome ĉiu lernejo aŭ grupo de lernejoj rajtas prepari propran projekton. La fervojasocio tiam aranĝas la necesan vojaĝplanon rilate al la ordinara trafiko sur la uzotaj fervojoj.

Elektro-teĥnikisto prizorgas la laboron en la studio, precipe la elsendon de la gramofondiskoj. Tiuj estas posedaĵo de la Fervojasocio. La lernejestro elektas la necesajn diskojn; li ankaŭ povas mem kunpreni la deziratajn diskojn. Okazas, ke ĉefkonduktoro klarigas la plej gravajn vidindaĵojn de la urbo aŭ de la regiono, kiun la vagonaro pasas, sed ordinare la instruistoj mem donas la klarigojn antaŭ la mikrofono. La parolanto sidas en ĉelo tiamaniere konstruita, ke li povas vidi dekstre kaj maldekstre la regionon. Li atentigas la lernantojn pri la geografiaj vidindaĵoj, donas klarigojn pri la popolo, la industrio, komerco, ktp. De tempo al tempo li ankaŭ donas kelkajn detalojn pri folkloro. Estas jam tradicio, ke travojaĝante la ĉefurbon de ĉiu regiono oni aŭdigas ĝian himnon.

Ĉiu vojaĝo per radio-vagonaro daŭras unu tagon, vojaĝante 200—250 km. Matene la vagonaro venas en la stacion de la urbo aŭ komunumo, kie estas la lernejo kaj vespere ĝi reveturigas la gelernantojn al tiu sama stacio. La prezo estas proks. 25 belgaj frankoj.

*Laŭ parolado de Dro Straetmans,*
*ĝenerala inspektoro de mezlerneja kaj porinstruista instruado.*

---

# Danujo

La internaciajn E-kursojn en Silkeborg partoprenis proksimume 80 personoj el 6 diversaj landoj. Ĉiuj ĉeestantoj sentis la internaciecon, kiu regis: unu lingvo ligis kaj interamikigis ĉiujn.

»Kornmod« (kie la kursoj okazis) estas ideala lernejo por tiaj celoj: Preskaŭ ĉiuj kursanoj loĝis kaj manĝis tie.

La direktoro de la lernejo, Sro Skole, sciis kiel agrabligi al la kursanoj la restadon tie.

La idiliaj lokoj ĉirkaŭ Silkeborg entuziasmigis ĉiujn kursanojn. Tie oni posttagmeze promenante aŭ ekskursante ĝuis multajn neforgeseblajn horojn inter siaj novaj Esperanto-geamikoj.

Ne nur la kadroj de la kursoj estis interesaj, sed precipe la kursoj mem. Entuziasmige kaj interese prelegis kaj instruis ĉiuj instruistoj de

la kursoj: Fino Saxl (pri Ĉe-metodo praktika kaj teoria, konversacio, ktp.), Sro P. Frey (pri literaturo originala), Sro L. Friis (pri E-lingvaj studoj), Fino Noll (pri gravaj epokoj de nia movado) kaj Sro P. Jörgensen (pri fonetiko).

Ampleksan kaj praktikan scion reportis ĉiuj kursanoj revenante al sia hejmloko, por tie utiligi ĉion por nia afero. Balbutante nian lingvon venis al Silkeborg la pli granda parto de la kursanoj, sed flue parolante ĝin ĉiuj revenis el Silkeborg — dank' al la internacia karaktero de la kursoj. *Partopreninto.*

# Lernejoj en Sovetio

(Daŭrigo)

En oktobro 1932a, naŭ jarojn poste, mi vizitis alian lernejon, en Moskvo — unu el la plej bonaj, ne nur en Moskvo, sed el la tuta lando. La ĵurnalo »Izvestia« estis ĝia protektanto kaj ĉar ĉi tiu ĵurnalo estas prospera entrepreno ĝi elspezis grandajn sumojn por bone instali ĝin. Bonegaj laboratorioj, gimnastikejo, manĝsalono, presejo, multaj ejoj por manlaboro troviĝis tie. Mi vizitis la laboratoriojn kaj poste iris en klasejon, kie sinjorino, proksimume kvardekkvinjara, instruis literaturon. Ŝiaj glataj, brilaj, brunaj haroj estis kombitaj rekte malantaŭen. Ŝia voĉo estis tre melodia. Tiel melodian voĉon oni nur aŭdas ĉe rusaj virinoj. Ĉiu aktoro povus admiri ŝiajn prononcadon kaj parolmanieron. Ŝi perfekte kontrolis kaj estris la klason. Oni sentis ŝian ĉeeston, ŝian personecon, ŝian aŭtoritaton. Ŝi neniel montris la timindecon, kiun oni

# *Sarki en Infankoroj*

Ni promenis laŭlonge de floranta fagopirkampo kaj diris: »Kiam belan aspekton do donas ĉi tiu kreskaĵo!« La brilantaj, purpuraj trunketoj estis tiel klare videblaj kaj inter tiuj la hela sablo. Eĉ ne unu herbaĉo.

Kaj kiel facila tio estis por la kamparano. Li ne bezonis zorgi pri sia kampo. La fagopiro certe mem pelis ĉiujn entrudulojn ekster sian terenon. Kaj nun ondis trankvile la dolĉa verdaĵo kun la aromblankaj floretoj tien kaj reen, super — kaj trazumate de multego da abeloj.

Ni sidiĝis ĉe la rando de erikejo apud la poligonacokampo kaj ĝuis tiun tutan delikat- kaj subtilaĵon. Ni rigardis tra la arbareto de trunketoj kaj faris planon por sursemado de peceto el niaj kampoj en tia erikeja regiono per fagopiro en pli malfrua tempo, kiam estos eble, ke ni povas elekti eksterurbe. Tio donos kolorojn kaj florojn, zumadon kaj eble fine ankaŭ utilan nutraĵon. Kaj ĉio estas tiel facile akirebla. Vi nur semu la grajnojn kaj ia prizorgado ne estas necesa.

Sed ni promenis iom pluen kaj jen, kion ni tie vidis? Ankaŭ fagopirkampon, sed ĉie inter la elegantaj tigoj rampis herbospeco, kiu diversloke eĉ forpuŝis la poligonon, tiel ke grandaj nekovritaj lokoj kuŝis inter la ventblovataj spikoj. Oni nomis tiun rampe kuŝantan herbon agropiro. Ĉu la fagopirkampo do estis alirebla de herbaĉo? Ĉu ĝi ne nur kuŝis libere enirebla por entruduloj, sed ĉu ĝi ankaŭ lasis sin forpuŝi? Kaj kiel do sur la alia kampo?

povis observi ĉe la instruistoj, naŭ jarojn antaŭe. La lernantoj estis proksimume deksesjaraj. Ili diskutis pri fama komedio de Gribojedov. Laŭ la peto de la instruistino ili estis preparintaj, kiel taskon, paroladojn pri la du ĉefpersonoj el la verko: Chatski kaj Famoŭsov. Unue knabino devis paroli. Ŝi ekstaris, antaŭenpaŝis kaj komencis paroli, la vizaĝon al la klaso. Aŭskultante, mi apenaŭ povis kompreni, ke en tiel mallonga periodo; naŭ jarojn, sovetia edukado tiom ŝanĝiĝis. Flue la juna fraŭlino donis analizon.

Ŝi paroladis pri la ribelado de Chatski kontraŭ la ideoj, kiujn bonaj kaj saĝaj homoj tiutempe havis. Ŝi akcentis, ke li uzis hiperbolon kaj antitezon por pliakrigi siajn atakojn kontraŭ ideoj kaj homoj, kiujn li malŝatis. Ŝi skizis la influon de lia eksterlanda restado. Ŝi pli malkoncize parolis pri liaj internaj konfliktoj kaj pri la tragedio de lia persona vivo. Kvankam li estis »burĝaĉo« kiel Tatjana en Onegin de Puŝkin, ŝi parolis pri li kun simpatio kaj kompreno kaj neniel klasifikis lin kiel malamikon de la laboranta maso, nek kondamnis lin pro lia socia deveno.

En sia analizo de Famoŭsov, la vigla fraŭlineto agis same. Ŝi portretis lin fizike, kaj poste parolis pri lia politika kaj familia konservativeco, diris, ke li kredis, ke ĉefaĵo de la vivo estas riĉaĵoj, socia pozicio, komforto, ke li estas tro paroladema, filozofadas kaj emas doni lecionojn al siaj amikoj, ke li ĉiam ekkoleras kontraŭ personoj, ne samopiniantaj kun li, ke li tute ne kapablas taksi la valoron de la novaj ideoj, penetrintaj en Rusion, ke li malestimas ĉion eksterlandan. Speciale ŝi akcentis lian simplan, kolorriĉan esprimmanieron.

Kiam ŝi finis, la instruistino demandis, ĉu iu volas kritiki. Lernanto post lernanto leviĝis kaj aldonis ion aŭ pliampleksigis la paroladon. Ĉiuj rimarkinde flue parolis, kelkaj eĉ gestis kiel oratoroj, sed... ĉiuj pritraktis nur la literaturan valoron de la verko, do stilon, karakteron, intrigon, fantazion. Eĉ ne unu anilizis el politika vidpunkto.

Neniu per politika patoso kondamnis. Unu lernanto parolis pri la altranga deveno de Chatski kaj Famoŭsov, sed tute ne per ofendaj vortoj kiel tiuj, kiuj diskutis pri la heroino de Puŝkin. Pedagogio denove regas la instruadon.

La politiko ne malaperis, kompreneble ne. En la sovetsistemo dediĉo al la sistemo ja estas la ĉefcelo de la instruo. Sed la politiko

---

Ho, la sekreto baldaŭ estis malkovrita. Tie, sur la unua kampo oni daŭre kaj singarde sarkis en la printempo. Ankaŭ sur tiu loko la agropiro estis kreskonta, sed ĝi estis forpelita ĉiutage de trankvile persistanta mano, kiu ĝin eltiris kaj forigis. La sekreto de la pura kampo nur estis kaŭzita de la ĝustatempa, singarda kaj persista sarkado.

Mi konas familion, ĉe kiu la infanoj estas eksterordinare obeemaj, laŭordaj kaj afablaj. Oni diras, ke tiuj infanoj naskiĝis kun tiuj amindaj kvalitoj. Tio povas esti vero, sed ĉu ankaŭ estus iomete la kaŭzo, ke frutempe trankvila mano sarkis en tiuj koretoj?

El: »Disaj Verkaĵoj,« de Jan Ligthart, esperantigis

**J. M. Toorneman, Deventer**

ne plu estas afero de batalkrioj. Ĝi estas la mantelo de la vivo kaj la plej grava ne estas la mantelo, sed la vivo mem, kaj la problemoj, kiujn ĉiu sovetiano kaj la ŝtato mem renkontas en sia ĉiutaga ekzisto.

La transiro de politiko al pedagogio, aŭ pli ĝuste dirite, la fakto, ke nuntempe instruaj celoj superas la politikajn, estas io tre grava en la nuna fazo de la revolucio.

Sen la kvinjarplano tiu transiro certe estus okazinta multe pli malrapide. La kvinjarplano vekis novajn, pli saĝajn ideojn pri edukado en la kapo de la sovetiaj gvidantoj, kiel pri tiom da aliaj problemoj. Ĝi kaŭzis multajn malfacilaĵojn, kiujn la gvidantoj ne antaŭvidis kaj kiuj postulis tujan kaj efektivan solvon. Dum la unuaj jaroj de la revolucio politika konformiĝo ĉefe gravis. Oni opiniis, ke la ĉeftasko de la lernejo estas modeli, adapti la estontajn civitanojn por la socio, kaj en tiuj tagoj, kiam la memoro pri la vundoj de la enlanda milito estis ankoraŭ freŝa, la plej necesa virto estis politika fideleco. Kompreneble oni citis Lenin por sin pravigi. Ĉu li ne diris: »la studantoj fariĝu kunhelpantoj por forigi ekspluatadon.«

Sed Lenin ankaŭ diris ion alian pri edukado. Ekzemple: »Vera komunisto vi povas fariĝi nur kiam vi riĉigas vian menson per ĉiuj intelektaj trezoroj, kiujn la homaro akiris.«

Marks diris: »La ununura celo de la homaro estas la plej granda ampleksigo de ĉiuj homaj kapabloj.« Krome, Marks kaj Engels verkis rezolucion por la kongreso de la unua internacio por difini la principojn de la komunista edukado. Ili deziris: unue ĉiuspecan disvolviĝon de la intelekto, due fizikan edukadon por la korpa sano, trie politeknikan edukadon por konigi al la studantoj la sciencon kaj por kapabligi ilin akiri bonajn laborkutimojn kaj por povi facile uzi instrumentojn kaj ilaron en fabrikoj.

Sed la bolŝevikoj miskomprenis kaj misaplikis ĉi tiujn edukprincipojn de la tri patroj de la moderna komunismo.

Ĝustan politikan konvinkon kaj muzikon ili postulis unue. En 1923 kaj 1924 estis eĉ gvidantoj, kiuj esprimis la deziron, ke la lernejo mortu, ke la junularo prefere estu instruata en fabriko aŭ en bieno.

La pure intelektan disvolviĝon la bolŝevikoj esperis atingi per la tiel nomita kompleksa metodo.

Anstataŭ studi geografion, historion, literaturon aparte, ili studis ĉi tiujn fakojn kune, en naturaj interrilatoj.

En vilaĝoj instruisto kaj lernantoj kune konstruis kompleksan fecionon pri iu temo. La sezonoj estis ofte elektataj.

Oni priparolis la klimatkondiĉojn, la laboron farotan de la terkulturistoj, plugadon, rikoltadon, lignohakadon aŭ ĝardensarkadon, ankaŭ la individuan kaj kolektivan vivon de la vilaĝanoj. Oni parolis pri la labormetodoj, pri la maniero pligrandigi la rikolton, pri la sankondiĉoj kaj pri la malmoderneco de la vilaĝanaro, kiel venki ĝin, ktp.

La libroj malabundis. La ŝtato ne povis presigi ilin sufiĉe rapide por la bezonoj de la kreskeganta lernejaro. Sed dum la kompleksa sistemo oni ne bezonas multajn librojn.

Tiam la komunistoj ankaŭ inventis la brigadsistemon.

La lernantoj dividiĝis po ses aŭ ok kaj studis kolektive sub la gvidado de unu kamarado. La brigado estis respondeca pro la laboro de ĉiu individuo aparte.

Oni ne ekzamenis kaj ne donis poentojn.

La lernantoj havis gravan, kelkfoje eĉ decidan influon pri la administrado de la lernejo, pri la disciplino, pri la preparado de la kompleksaj lecionoj.

Sufiĉe ofte la instruisto estis nur rigardanto.

La salajro estis malalta, ofte monatoj pasis antaŭ ol li ricevis ĝin. Ĉar li estis ano de la intelektularo, li ne estis je la socia nivelo de la malriĉa terkulturisto aŭ de fabriklaboristo, kaj liaj infanoj estis allasataj al mezlernejo aŭ universitato, nur se restis lokoj.

Tial, kvankam la lernejnombro rapide kreskis, la kvalito ne progresis. Multega eksperimentado, ofta ŝanĝo de tekstlibroj. Sed... venis la kvinjarplano. *(Daŭrigot.)*

---

# El Argentino

## 50-a datreveno de la leĝo de Komuna Edukado

Dum la unuaj tagoj de Julio oni festis en nia lando la kvindekan datrevenon de la starigo de la leĝo de komuna edukado.

Per tiu ĉi leĝo, kies fruktojn ni ĉiuj ĝuas hodiaŭ, la organizo de la publika edukado troviĝas ĉe ni en tre efika situacio. Kompreneble, kaj tiu diro devus esti konsiderata superflua, ke granda estas ankoraŭ la plenumota tasko al tiu direkto en Argentino, sed ni konstatu ke malgraŭ la reganta krizo, oni perdas nek tempon nek esperon, por pliperfektigi ankoraŭ tiun organizon.

Laŭ la nomita leĝo la edukaparato fariĝis en nia lando absolute sendependa de ĉiuj aliaj aŭtoritataj sferoj, ĉar oni kredis ke tiel granda kiel estu la honoro de la homoj kiuj troviĝas en tiaj delikataj postenoj, estas momentoj en la vivo de la popoloj, dum kiuj la registaroj pretendas utiligi la nomojn de tiuj personoj por influi la socion per ĉiaj rimedoj. La Konstitucio kredis ke rilate al afero tiel grava por la Nacio, oni devis plene apartigi ĝin de ĉio kio ne estas konsilinda por la racio, moralo kaj la rajto, kiujn la konstitucio garantias.

La starigo de tiu ĉi leĝo, estas la ĉefa okazintaĵo, kaj la deirapunkto de la granda disvolviĝo, kaj demokratigado de la publika instruado en Argentino.

Tiu leĝo konsistas el 82 artikoloj, dividitaj per naŭ ĉapitroj, kiuj regulas la funkciadon de la publika eduka fako.

Jen kelkaj ciferoj, kiuj sendube parolos al niaj legantoj pli elokvente ol ni.

*Analfabetismo* — Laŭ la statistiko 1931—1932 la nombro de 5—13 jaraj infanoj estis 2.164.716, el tiuj ĉi vizitadis la lernejon 1.464.716. Laŭ la statistiko pri la 540.744 de 6- ĝis 13-jaraj infanoj kiuj ne vizitadis lernejojn, oni devas kalkuli 64.095, kiuj sciis legi kaj skribi.

Sekve la nombro de analfabetoj el cititaj aĝoj estas 476.649, kiuj kune al 159.213 kvinjaraj analfabetoj sumas 635.862 analfabetojn el 5 ĝis 13. jaroj.

Laŭ la sama statistiko la nombro de infanoj estis en nia urbo 308.668, en la provincoj 1.687.417, kaj en la teritorioj 168.588. En la ĉefurbo ĉeestis lernejojn 261.265 infanoj, 1.105.116 en la provincoj, kaj 98.335 en la teritorioj.

Ne vizitadis lernejojn en la ĉefurbo 42.203 infanoj, en la provincoj 582.301 kaj en la teritorioj 70.253.

La nombro de tiuj, kiuj kvankam ili ne vizitis lernejojn, sciis legi kaj skribi estis nia urbo 8.212, en la provincoj 48.324, kaj en la teritorioj 7559.

La nombro de analfabetoj, duonanalfabetoj, kaj de tiuj kiuj scias legi kaj skribi, estas respektive:

En nia urbo: 39.191, 142.540 kaj 126.937. En la provincoj: 533.977, 189.335 kaj 364.105. En la teritorioj: 62.694, 77.933 kaj 27.961.

Multe oni priparolis rilate al geinfanoj kiuj ne ricevas la profiton de la leĝo 1420, kiu devigas la senpagan instruadon por ĉiuj geinfanoj. Plena akordo ekzistas rilate al tio, ke oni devas kiel eble plej rapide likvidi tiun staton.

Funkcias en nia urbo ses lernejoj en plena aero, la nombro de iliaj gelernantoj dum la 1933 jaro estis 1985.

Lernejoj por plenaĝuloj — Estas 132 el tiuj lernejoj en nia urbo kaj pli ol 300 en la tuta lando. Ĉeestas tiujn lernejojn enmigrintoj, geknaboj, k. a. Ili funkcias vespere: dum 1933 vizitis tiujn lernejojn 40.455 gelernantoj.

Kiom kostas jare ĉiu lernejo? — Jara kosto de la komunaj lernejoj dum 1933. en la ĉefurbo estis (po lernejo), 82.479 pesoj. — Jara kosto de la teritoriaj lernejoj (po lernejo) 12.629 — Valoro de la bienoj kaj domoj de la Nacia Eduka Konsilantaro: 62.209.068: pesoj.

Meza kosto de ĉiu lernanto — Laŭ la kalkuloj de koncerna oficejo, la kosto de ĉiu lernanto, ĉe la lernejoj kiuj rekte dependas de la Nacia Eduka Konsilantaro dum 1933-a jaro, estis:

Komunaj lernejoj en la ĉefurbo, 160 pesoj. En plena aero, 551 p. Plenkreskuloj, 72 p. Militaj 111 p. Teritoriaj 125 p. Provincaj 74 p.

Dum 1933 jaro funkciis en la ĉefurbo 256 privataj lernejoj, kiuj registris la ĉeestadon de 38.915 gelernantoj. La kreskado de la lernejoj estas la plej estiminda fakto tiurilate, kaj la optimistaj esperoj baziĝas sur la fakto de tiu ritma multobliĝo.

Dum 1906a jaro la lernejoj kiuj rekte dependis de la Nacia Eduka Konsilantaro nombris 665. Dum la jaro 1932 tiu nombro kreskis ĝis 4.812. Tiu cifero rilatas la tutan landon.

304.208 gelernantoj vizitis la lernejon de nia urbo dum 1933.

| DISTRIKTA EDUKA KONSILANTARO | Lernejoj | | | | Gelernantoj | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | Komunaj | Vesperaj | Privataj | Entute | Komunaj lernejoj | Vesperaj | Privataj | Ĝenerala sumo |
| 1a . . . . | 18 | 6 | 22 | 46 | 9,907 | 706 | 2,984 | 13,597 |
| 2a . . . . | 17 | 5 | 18 | 40 | 9,490 | 555 | 2,604 | 12,649 |
| 3a . . . . | 21 | 6 | 19 | 46 | 10,656 | 585 | 2,259 | 13,500 |
| 4a . . . . | 19 | 6 | 5 | 30 | 8,711 | 586 | 609 | 9,906 |
| 5a . . . . | 9 | 6 | 10 | 25 | 7,667 | 502 | 1,537 | 9,706 |
| 6a . . . . | 18 | 7 | 6 | 31 | 8,321 | 780 | 926 | 10,027 |
| 7a . . . . | 21 | 8 | 11 | 40 | 12,133 | 599 | 1,222 | 13,954 |
| 8a . . . . | 19 | 7 | 12 | 38 | 10,615 | 731 | 1,317 | 12,663 |
| 9a . . . . | 15 | 4 | 16 | 35 | 7,699 | 426 | 2,699 | 10,824 |
| 10a . . . . | 19 | 4 | 15 | 38 | 8,706 | 376 | 3,449 | 12,531 |
| 11a . . . . | 22 | 7 | 14 | 43 | 11,849 | 582 | 1,053 | 13,484 |
| 12a . . . . | 25 | 5 | 9 | 39 | 12,985 | 678 | 739 | 14,402 |
| 13a . . . , | 35 | 7 | 19 | 61 | 19,987 | 672 | 3,136 | 23,795 |
| 14a . . . . | 21 | 6 | 21 | 48 | 9,728 | 335 | 3,273 | 13,336 |
| 15a . . . . | 27 | 7 | 14 | 48 | 13,005 | 715 | 2,398 | 16,118 |
| 16a . . . . | 31 | 7 | 12 | 50 | 15,400 | 792 | 2,234 | 18,426 |
| 17a . . . . | 29 | 9 | 10 | 48 | 18,465 | 819 | 1,829 | 21,113 |
| 18a . . . . | 34 | 9 | 9 | 52 | 18,522 | 944 | 947 | 20,413 |
| 19a . . . . | 28 | 7 | 7 | 42 | 12.967 | 600 | 2,689 | 16,256 |
| 20a . . . . | 30 | 9 | 7 | 46 | 18,674 | 731 | 1,008 | 20,413 |
| Entute . . | 468 | 132 | 256 | 856 | 245,493 | 12,714 | 38,915 | 297,122 |
| Plenaeraj lernejoj . . . , . . . | | | | 6 | . . . . . . . . | | | 1,985 |
| Aneksitaj al superaj lernejoj . . | | | | 11 | . . . . . . . . | | | 5.101 |
| Ĝenerala sumo . . . . . . . . | | | | 873 | . . . . . . . . . | | | 304,208 |

Sumo elspezita por ĉiu provinco por la publika edukado:

| Provinco | Sumo | Lernejoj | Provinco | Sumo | Lernejoj |
|---|---|---|---|---|---|
| Buenos Aires | 26.617,164.— | 2,154 | Sgo. del Estero | 1,153 923.50 | — |
| Santa Fe | 13,470,400.— | 699 | Ju Juy | 354.340.— | 87 |
| Córdoba | 5,286,319.96 | 674 | San Juan | 2,342,300.— | 99 |
| Entre Rios | 4,121.713.40 | 601 | San Luis | 657,000.— | — |
| Mendoza | 4,625,192.44 | — | Salta | 943.560.— | 60 |
| Tucumán | 3,105,288.— | 213 | Catamarca | 315,000.— | — |
| Corrientes | 2,023,240 — | — | La Rioja | 325,872.— | — |

(Laŭ »Argentina Esperantisto«)

# LIBROJ

*Alois Schneider — Magda Carlsson:* Barbro kaj Eriko. 40 pĝ; 0,60 sved. kr. Letera romaneto, legolibreto de speciala tipo: Aŭstra junulo kaj sveda junulino korespondas pri siaj landoj, popoloj, familioj. La reciproka simpatio kreskas, ĝis la junulo anoncas sian viziton ĉe la malproksima amikino. Belaj bildoj ilustras la korespondadon. Facila legaĵo por kursoj kaj agrabla modelo por aplikantoj de Esperanto.

*Einar Dahl:* Dialogoj kaj Komedietoj. 32 pĝ; 0,50 sved. kr. Dua sekvo de la kolekto transdonas al kurs- kaj grupanoj la rolon de parolantoj kaj aktoroj, laŭ la devizo: Per ludo kaj ĝojo al perfektiĝo.

*Selma Lagerlöf:* La mono de sinjoro Arne. 110 pĝ; 1.50 sved. kr. Legendo el la 16-a jarcento. La transcenda mistika pensmaniero de la »mal-luma mezepoko« estas la medio de la alegoria legendo, en kiu obeas kaj sekvas la malfeliĉa Elseto al la voĉo de sia konscienco oferemе ĝis la morto kaj kreskas al homa grandeco, kiu lumas trans ĉiuj tempoj kaj prezentas heroajn postulojn ankaŭ al nia animo.

*La infanoj de Betlehem.* 32 pĝ; 0.75 sved. kr. Kristlegendo ĉirkaŭ la murdo de la infanoj de B. Fine la armiloj kliniĝas kaj la militisto genufleksas antaŭ senkulpo, helpemo kaj boneco. Preskaŭ aktuala tendenclegendo, kiu vidigas la noblan kaj delikatan animon de la verkistino kaj la homecajn motivojn por ŝia konata sinteno en nuntempaj politikaj okazaĵoj.

*Ernfrid Malmgren:* La Esperanto-Klubo. 48 pĝ; 1 sved. kr. Aktiva gvidanto en la sveda E-movado, sekretario de Sveda E-Federacio, donas interesajn kaj praktikajn konsilojn pri fondo de E-klubo kaj pri alloga aranĝo de la kluba vivo.

*Svedaj naciaj kostumoj:* 10 poŝtkartoj koloraj, presitaj laŭ arte pentritaj originaloj. 1.50 sved. kr.

La suprajn librojn eldonis la Eldona Societo Esperanto, Stockholm.

*Vojaĝprospekto:* Danlando, dumtempe la plej malklara turistlando. Senpage havebla ĉe: Turistforeningen for Danmark, Vestre-Boulevard 18, Kopenhago. *(Goldberg)*

*Fine mi komprenas la radion* de *E. Aisberg* (verkita originale en Esperanto. El Esperanto tradukita en 13 lingvojn). En Esperanto eldonis »Literatura Mondo«, Budapest. Kun dukolora kovrilo, 23.5×15.5 cm. 144 paĝa ilustrita kun 225 ilustraĵoj. Prezo: broŝurita 4.50 bindita 6.— svfr. plus 10% por sendkostoj. Al membroj de Asocio de Esperantistaj Libro-Amikoj ĝi kostas nur 1.80 svfr. broŝurita, 2.70 svfr. bindita plus 0.30 svfr. por sendkostoj.

Kun granda plezuro mi tralegis ĉi tiun popularan verkon kaj mi kuraĝas ĝin rekomendi al ĉiuj gekolegoj. Neniu bedaŭros la elspezotan monon.

*Turstrato 4* de *Hans Weinhengst.* Originala romano. Eldonis Literatura Mondo, Budapest. Unua eldonaĵo el la serio de AELA 1934-a jaro.

Por nemembroj la prezo estas svfr. 3.50 broŝ., svfr. 5 bindita plus 10% por sendkostoj. Formato 20×13.5 cm. 176 paĝa kun dukolora kovrilo. Kiu volas legi pri la mizeraj sekvoj de senlaboreco en Vieno, aĉetu ĝin. La lingvo estas bona.

*La travivaĵoj de la brava soldato Ŝvejk dum la mondmilito* de J. Haŝek, tradukita de Ŝtadler. Unua volumo de kolekto ADLEL (Asocio por disvastigo de laborist-tendenca Esperanto-Literaturo) 144 paĝoj, prezo fr. fr. 12.50+10% afranko. Ŝtadler tradukis nur la dek unuajn ĉapitrojn de la granda verko. La ruza, sed simplanima Ŝvejk estas arestita en Aŭgusto 1914. Poste oni oficiale traktas lin kiel idioton. Fine li fariĝis servisto ĉe diboĉema armepastro. Iom kruda, iom stranga estas la bonhumoro, sed oni ne povas ne ridi, legante la libron. Bone presita. Preskaŭ sen preseraroj.

*Esperanto.* Ĉeĥa lernolibro verkita de Julie Šupichová atingis jam kvaran eldonon. Kvankam mi ne scipovas la ĉeĥan lingvon, mi trafoliumis la libron kaj ekhavis la impreson, ke ĝi estas tre praktika lernolibro. La eldonisto estas Šolc a Šimáček — Praha.

»Lexicon« (leksikono) — kartludo. Aĝiszo. Eldonis: Brita Esperantista Asocio — London. Kiel la surskribo diras: amuza, ekscita, interesa. Bona por klubvesperoj. *B.*

---

# Komunikoj

## LA ALVOKO DE LA KIMRA INFANARO.

Ĉiujare, la 18-an de majo, ĉiuj infanoj en la lernejoj de Kimrujo estas invitataj partopreni agon de internacia amikeco.

La propono venis de la Vicprezidanto de la Kimra Konsilantaro de la Asocio por subteni La Ligon de Nacioj. En Kimrujo mem oni adoptis entuziasme la ideon, sed dum la du unuaj jaroj, 1922, 1923, nenio povis esti pli malesperiga ol la tuta malsukceso laŭ respondoj el aliaj landoj.

En 1924 oni denove disaŭdigis la mesaĝon per la plej forta nacia stacio en Granda Britujo, kaj per Eiffel Turo en Parizo.

Ankaŭ ĉiuj stacioj de la B. B. C. ĝin transigis. Respondoj de aliaj landoj komencis alveni, kaj ĉiujare la nombro kreskas. De 1922—1934 respondoj venis el 70 landoj.

Antaŭ la brodkasto, la mesaĝo estas legita antaŭ miloj da infanoj en lernejoj en Kimrujo. Ne estas do nur nome mesaĝo de la lernantaro. Ofte oni kopias la vortojn, kaj forportas ilin hejmen. En kelkaj lernejoj la infanoj kunvenas en la ludejo, kaj kun aklamoj dissendas la alvokon.

En tiu ĉi maniero, la lernejoj de Kimrujo, pli kaj pli estas kunligitaj kun lernejoj en aliaj landoj.

Granda helpilo estas speciala internacia gazeto por »Bonvoltago«, havanta eldonojn francan, nederlandan, belgan kaj svisan, skandinavan, kaj esperantan.

Kelkaj respondoj estas ricevitaj en Esperanto, kaj en la broŝuro priskribanta la disvolviĝon de la movado mem la mesaĝo estas presigita kimre, france, germane, itale, hispane, kaj esperante.

Pli kaj pli, la Radio-Stacioj dediĉas la »Infanhoron« je la 18-a de majo al aparta pacprogramo por la infanaro.

Jen la teksto de la 13-a jara alvoko, la 18-an de majo, 1934.

Radio-Alvoko de la Kimra Infanaro.

»De nia malgranda hejmlando, tero de poezio kaj de kantoj, ni infanoj de Kimrujo salutas vin, knaboj kaj knabinoj de ĉiuj regionoj sub la suno.

Ni raviĝas pro la penso, ke nia saluto vin atingos tra la spaco. Mirinda estas la mondo en kiu ni loĝas, kaj ĝi estos ankoraŭ pli mirinda, kiam la malhe'aj tagoj, kiujn ni travivas estos pasintaj. Ni ĝojas pro ĉiuj beloj de tiu ĉi mondo; belo de la tero, de la maro, kaj de la ĉielo. Estas nia komuna heredo kaj la ligilo kiu nin ĉiujn kunigas. Ni ekzaltiĝas pensante pri ĉiulandaj kuraĝuloj, kiuj kapablis venki timon kaj danĝeron por malfermi novan vojon. Heroaj agoj, kiel aviadflugi sola en la nokto super Atlantiko, nin plenigas per fiera sento.

Knaboj kaj knabinoj, ni faru nian plejeblon por ke ĉiu el tiuj triumfoj super malfacilo servu al proksimigo de niaj popoloj kaj kunigo en unu sama kaj granda familio.

Al vi ĉiuj, pacon kaj bonvolon! Ni faru ke niaj esperoj realiĝu!«

Tia estas la klopodo de unu el la malgrandaj landoj en la mondo.

V. C. N.

## Abonprezo de IPR

La abonjaro daŭras de la 1-a de januaro ĝis jarfino. La prezo por unu tuta jaro estas 2.50 ned. guldenoj (inkluzive aneco de TAGE.) Ek de la 1-a de julio ni akceptas ankaŭ duonjaran abonon je 1.25 ned. guld.

Por 2.50 ned. guldenoj estas sendota el:

| | | |
|---|---|---|
| **Aŭstrujo** | 8 | ŝilingoj. |
| **Britujo** | 5.— | ŝil. |
| **Belgujo** | 37 | fr. |
| **Ĉeĥoslovakujo** | 33 | ĉ. kr. |
| **Danujo** | 6 | kronoj. |
| **Francujo** | 25 | frankoj. |
| **Germanujo** | 4 | markoj. |
| **Hispanujo** | 12 | pes. |
| **Hungarujo** | 7 | peng. |
| **Jugoslavujo** | 75 | din. |
| **Latvujo** | 5 | latoj. |
| **Norvegujo** | 6 | kron. |
| **Polujo** | 8 | zlotoj. |
| **Rumanujo** | 180 | leoj. |
| **Svedujo** | 6 | kron. |
| **Svislando** | 5 | frank. |
| **U. S. A.** | 1.50 | dol. |

Kiam vi sendas la kotizon rekte al la administracio, ni petas vin:

1) Pagu, se eble, pere de la poŝtĉekkonto No. 90544. Nederlando.

2) Ne sendu poŝtmarkojn.

3) Sendu papermonon en registrita letero.

4) Se vi preferas kuponojn, sendu 5 U. E. A. kuponojn de 1 Sv. Frank. aŭ 16 poŝtajn respondkuponojn por tutjara abono.

5) Skribu tre legeble nomon kaj adreson.

———

## Agentoj de TAGE

Vian kotizon akceptas. En landoj:

**Angla:** F-ino V. C. Nixon, 183 Woodlands Park Road, BOURNVILLE, Birmingham.

**Alĝera:** Jean Delor. Professeur au College de garçons. TLEMCEN. (Dep. Oran)

**Aŭstra:** (vakanta)

**Aŭstralia:** H. M. Lanyon. Harrow St., Box Hill E 11. MELBOURNE. (Victoria)

**Belga:** H. Rainson. Hombeeksche-steenweg 54. MECHELEN.

**Bulgara:** Ivan Sarafov. GOLEMO SELO. (regiono Kazanlik).

**Ĉeĥoslovaka:** Th. Kilian, TREBIĈ, Komerca Akademio Poŝtĉekkonto Brno Nr. 114.322.

**Ĉilia:** E. Herrera Valen. Clasificador C. 220. SANTIAGO.

**Dana:** Peter Frey. Claŭsensvej 26. HADERSLEV.

**Estona:** R. Gutmann. Kaupmehet, 6—1. TALLINN.

**Finnlanda:** Elmi Tamminen. Sitavuorenranta 4. A. HELSINKI.

**Franca:** F. Verot. Rue des Villas. St.-ETIENNE. (Loire). Poŝtĉekkonto: 37421 Lyon.

**Germana:** K. Hofmann, RIESA, Felgenhauerstr. 63. Poŝtĉekkonto: 26379 Dresden.

**Greka:** D-ro A. Stamatiadis. Rodou 21. ATENO.

**Hispana:** Ferd. Montserrat. Str. Provenza. 75—2—3. BARCELONA.

**Hungara:** Bleier Vilmos. Mester-u. 53. V. 7. BUDAPEST. IX.

**Japana:** Joshi H. Ishiguro. TOKIO. Daita II. 784 Setagaya Poŝtĉekkonto: Tokio 62061.

**Jugoslava:** Stanko Prvanoviĉ. BENKOVAC (Primorska ban.)

**Kanada:** Alexander N. 223 Blaine Lake. SASK.

**Latva:** S-ino O. Juŝen. Slokas ielä N. 112. dz. 1. RIGA.

**Litova:** Mok. A. Prapuolenis. Iŝlaŭzas. paŝt. ag. PRIENU. VALS.

**Nederlanda:** M. van Mullem. 0.58. OPHEMERT. kasisto: E. A. Koot, UTRECHT W. v. Noortstr 10. Poŝtkonto nro 176356.

**Nederlanda Hindujo:** P. Mamecach, Makassar (Celebes) Lariangbangi str. 107.

**Norvega:** Nils Okland. Rommesveit. Stord.

**Pola:** B. Gluchowski. Ŝw. Wincentego 80. WARSZAWA 24. Poŝtkonto 16992.

**Svisa:** S-ino N. Oumansky. 12 rue Jean-Jacquet. GENÉVE.

**U. S. A.:** David R. Metzler. Route 1. Box 389. FRESNO. Californie.

El landoj sen agentoj mono estas sendota rekte al la adm. Agentojn por tiuj landoj ni serĉas.

## AL LA ESP.-ISTAJ JURNALISTOJ!

Laŭ peto ni presigas sekvantan alvokon:

Ni esperantistaj-ĵurnalistoj estas en unua serio elektataj por tio — kaj tio estas nia plej sankta devo — ke ni subtenu ĉiuflanke nian esperantistan-movadon!

El tiu kaŭzo estas necese unue, ke ni unuiĝu en forta kaj tutmonda ĝeneralsocieto.

Por tiu celo alsendu ĉiuj ĵurnalistoj-esperantistaj al subestaranta adreso siajn adresojn por pli proksima informo kaj baldaŭa komenco de antaŭlaboroj. Atentigu amikojn-ĵurnalistojn!

Post tio estas eble por ĉiuj membroj de nova ĵurnalista — esperantista — ĝeneralsocieto per kunlaboro en mondgazetaro ankoraŭ tre konforman honorarion perlabori, tial preterlasu neniu tuj sian tutan adreson alsendi.

Multe da feliĉo deziras por nova societo ĝia iniciatoro.

Adreso: Karlo Zdiarsky, Ĉes. Budejovice I., Česká 29, Ĉeĥoslovakio.

*Gekolegoj!*

Nepre atentu pri planita pedagogia biblioteko. Vidu la koncernajn informojn en n-ro 3 „Internacia Pedagogia Revuo" 1934.

Sendu viajn sugestojn al la administranto de I. P. R.

**P. Korte**
Schoolstr. 13 **Veendam**
(Nederlando)



Felelős kiadó: Bleier Vilmos. Készítette a Pestvidéki Nyomda Vácon. A nyomdáért Bénik Gy. felelős